# Nur ni fidu je Esperanto

«La privilegiojn kreis por si mem tiuj, kiuj estis la unuaj posedantaj la *brutan forton*, kripligante per ĝi la rajtojn de la similuloj.» Paroloj de la Generalo Obregón, Prezidanto de Meksikio rilate la Konferenco de Washington.



Ne fidu je la Konferenco de Washington, ĉar la frukto ĝia ne maturiĝos por la bono de la Homaro, tial ke en tiu konferenco mankas reprezentantoj de du grandaj popoloj, de la germana kaj rusa popoloj, kaj nur oni povos firmigi la pacon per interkonsento kaj reciproka amo inter ĉiuj popoloj; oni ne rajtas eligi el tiu gravega entrepreno la du popolojn: homamantoj, pacamantoj, tian konduton devas abomeni, kondamni, ĉar alimaniere tio supozus esti reakciuloj pravigantaj la *privilegiojn* de la popoloj de la Konferenco kontraŭ la *rajtoj* de la du popoloj, tial ke la popoloj de la Konferenco *posedas la brutan forton*. Tiu Konferenco pravigas la parolojn de generalo Obregon, ĉar ĝi estas *privilegio de venkintoj* kontraŭ *rajto* de venkitoj.

Germanoj okupas centran parton de Eŭropo, estas tre multenombraj, ilia kulturo estis kaj estas tiel alta, kiel tiu de kiu ajn civilizita popolo; la germanoj estas honoraj, laboremaj, inteligentaj; ju pli bona estu ilia stato sociala, politika kaj financa, des pli bona estos tiu de Anglujo, de Italujo, de Rusujo de Skandinavaj landoj, kaj kvankam ne tiel, kiel por tiuj landoj, iom malpli oni povas diri pri Francujo. La germanoj havas grandan tradicion kaj gravan literaturon. Pro ĉio ĉi tio, estas neeble malaperigi el la mondkarto Germanujon, kvankam oni povas ruinigi ĝin finance kaj sociale, sed tiu ruino trenos tiun de multaj eŭropaj landoj. Estas vere, ke imperia regformo atakema puŝis la germanojn kontraŭ preskaŭ la tuta mondo; sed konstante dum la milito Angloj kaj Usonanoj deklaris militi nur kontraŭ la germana imperialismo, ne kontraŭ la germana popolo, kaj ke post la milito, venkita la imperialismo, reciproka kaj sincera amikeco renaskiĝos inter la popoloj. Je 1918, la germana popolo estis venkata kaj samtempe sin liberiganta de la imperialismo, kaj la Germanoj fidis je tiuj deklaroj kaj je la dekkvar vidpunktoj de Wilson; sed bedaŭrinde la deklaroj estis fiktivaj same, kiel la Wilsonaj vidpunktoj, kaj la germanan popolon punadas kaj punadas la venkintoj, eĉ ĉi tiuj neas al ĝi ĝiajn rajtojn nediskuteblajn aparteni al Ligo de Nacioj kaj al interpopolaj konferencoj: ĉi tio ne povas, ne devas, daŭri por la bono de la Homaro.

Ankaŭ la venkintoj punadas laŭ eblo la rusan popolon, la grandan kaj admirindan rusan popolon, malgraŭ ke tiuj ŝuldas al ĝi sian venkon, ĉar la Rusoj savis Parizon kaj la anglan militistaron je 1914, kaj oni povas

jesi, ke la Rusoj evitis la triumfon de la germana imperialismo, kiu certe estus atinginta ĝin, je la fino de 1916: la sango kaj sufero de la Rusoj, spite de mankoj je ĉiaj bataliloj, semis la venkon, kiun rikoltis la Kunigitoj. La tirana reĝimo de caroj renversiĝis je 1917; Rusujo falis en ĥaoson, kaj en tiu ĥaoso la obstina energio de la bolĉevikoj starigis registaron, kiu persistadas spite de revolucioj, spite de la reakciaj militistaroj de Koltchak, Denikin kaj Wrangel, konstante provizitaj kaj monhelpitaj de la Kunigitoj; kaj nun ĉi tiuj neas al la malsataj Rusoj la plej simplan devon homan: «doni manĝaĵon al malsatulo». La Kunigitoj, kiuj donis al rusaj generaloj reakciaj monon po milionoj, hodiaŭ sin montras avaraj, nediligente agas por savi milionojn da infanoj, virinoj, maljunuloj kaj viroj malsataj; nediligentaj eĉ nedankemaj agas por milionoj da personoj malsataj pro tiu milito, kiun la malsata popolo gajnigis al la Kunigitoj: eĉ oni cindrigas supermezurantan tritikon kaj maizon en Ameriko, anstataŭ donaci la grenon al la malsatuloj!

Ankaŭ la Rusoj forestas la Konferencon de Washington; la popoloj, tie kunvenante, ne atentas, ke kvankam mortu la milionara malsatularo, la Rusoj estas la pli nombraj eŭropanoj; ke la rusa teritorio estas la plej vasta kaj tre riĉega je krudaj materialoj; ke spite de la cara regado, kiu konsideris la publikan instruadon krimo kontraŭ la ŝtato, la literaturo, belaj artoj kaj la scienco rusaj dum la lasta jarcento estis tiel altgradaj, kiel en la aliaj civilizitaj landoj; ke ili spertis dum terurajj krizoj naciaj, kiuj, disvolviĝinte ĉe aliaj rasoj, estus kaŭzo por forigi la rasojn. Ĉu estas prave ne kalkuli tiun popolon por la grava problemo celata de la Konferenco?

Ne fidu je Konferencoj tiaj, samideanoj, nur sentante firme *internan ideon*, ni povos iom post iom sukcesi al firma Paco; tial ni penadu triumfigi Esperanton per ĝia enkonduko en la publikaj lernejoj, kaj nia kara lingvo, fratigante la homojn de la infaneco, forigos la *brutan forton*; kiu starigis la *privilegiojn* sur la *rajtojn* per la bataliloj krimaj.

---

# Al la Esperantistaro

Ankoraŭ kaŭzoj de malpaco ekscitas la Homaron; ankoraŭ «obstinaj baroj» tre fiere staras, dum ni, Esperantistoj, progresas kaj spertas, ke nur per nia kara lingvo ni iros al la Paco. Por *tion atingi* nepre necese estas certigi la venkon de la lingvo unue, kaj la venko nur estos atingota per *nia interna lingva unueco, per tute plena respekto al la Fundamento de Esperanto*.

Ni devas kompreni la riskon por nia komuna celo pro reformemeco kaj forgeso de la Fundamento; ni konservu la lingvon tiel, kiel ĝin donis al ni la Majstro, ĉar ĝi sufiĉe bone, per praktiko longedaŭra, pruvis sian plenan taŭgecon de ĉiuj vidpunktoj! Iam, kiam mi estis leŭtenanto de la 7.ª infantería Regimento, mi elpensis aparateton por spertigi la soldatojn por plej bone celdirekti la pafilon; la aparateto estis tute simpla, el speguletoj speciale metitaj kaj signitaj. Tagon, post miaj klarigoj pri ĝia simpla fundamento kaj nepra sukceso, ĉi tiun elpru-

vinte antaŭ iuj el miaj estroj kaj kamaradoj, la plimulto el ili donis al mi opiniojn pri ŝanĝoj, aldonoj, aliformiĝoj, k. c.; sed opinioj ĉies estus komplikantaj la aparaton kaj malhelpontaj ĝian celon. Tute same okazas pri Esperanto: konservante kaj uzante nian Zamenhofan lingvon, montrante al ĉiuj, eĉ al skeptikuloj, ĝian plenan taŭgecon en ĝia nuna formo, ni iros al la venko; sed, se *ni mem* kredigas, ke ĝi antaŭe bezonas kelkajn «plibonigojn» (?), ni detruos nian propran forton kaj pereigos la tutan aferon. Tial, ni simple uzu Espsranton; ni ne diskutu ĝin; ni ne kritiku ĝin; ni ne perdu la tempon per la diskutoj kaj kritikoj, ĉar ni ĝin devas profiti por antaŭenpuŝi la lingvon.

Esperinde estas, ke ni restu fidelaj je la Fundamento kaj ĉesigu ĉion, kio atencas kontraŭ la lingvo, pereigonte la «internan ideon», solan efikan ilon por alveni al firma ĉiamdaŭra Paco. Ni konservu la Fundamenton spite de ĉio!

*Julio Mangada Rosenörn*

# Esperanto kaj Interpopola Ligo

## NOVA SERIOZEGA TASKO

Mi demandas vin, karaj samideanoj, ĉu vi volas propagandi la internan ideon de l' Esperantismo? kaj: ĉu vi kredas, ke la ideo de l' Interpopola Ligo iam venkos? Vi tuj respondos: Jes! nature! certe! tre volonte! Vi konsentos, ke la du demandoj por vi estas ne du, sed nur unu; ĉar la unu ampleksas la alian. Ni ne volas disputi hodiaŭ kiel politikistoj, kaj pro tio ni ne volas diskuti la demandon: kiom mankas al tia institucio, kiu nun estas nomata Interpopola Ligo, kiel ĝi ŝajnas tre ofte esti nur karikaturo. Ni ĉiuj scias, kion ni volas, celante tian ligon! Malgraŭ la malbonaj spertoj, faritaj dum la pasinta tempo, ni asertas, ke la ligo jam ekzistas. Ankaŭ lingvo jam ekzistas, povonte disbati «la obstinajn barojn» kaj disfaligi «murojn de miljaroj inter la popoloj dividitaj».

Neniam la kondiĉoj, labori por nia ideo, estis tiel favoraj, kiel hodiaŭ! Do, neniu el nia tutmonda Esperantistaro havas la rajton, plendi pro la nekomprenemo rilate al niaj ideoj. Certe ni havas ankoraŭ tre multajn kontraŭulojn, bedaŭrinde eĉ en la ŝtataj kaj urbaj registaroj, sed la postmilita situacio vere la jena: «en la mondon venis nova sento».

Kaj tiu sento kreskos, se ni laboros, se ni serioze laboros ne nur amuziĝonte en niaj rondoj kaj danconte «ĝis la suno de nova tago brilis» ktp., sed pripensonte niajn seriozajn taskojn kaj agonte laŭ ili. Ili estas portuthomaraj taskoj!

La amikoj de l' vera internacia repacigo devas aliĝi de la unu limo de l' tero ĝis la alia. Kaj ni devas esti la gvidantoj, ĉar neniu havas tiel efikan rimedon kiel ni, posedantaj la veran mondhelplingvon. Ĉie oni treege klopodas pro la vera Interpopola Ligo sed nur malmultaj de la propagandistoj de tiu afero scipovas Esperanton. Do, ni fondu en ĉiuj landoj jam nacioj Esperantajn komitatojn!

En Germanujo tia Esperanto-Komitato jam ekzistas, interrilatante kun la Germana Anaro de l' Interpopola Ligo. En Francujo—laŭ konfidindaj sciigoj - tia komitato ekestas. Pri neesperantistaj anaroj en multaj landoj ni jam estas instruitaj, sed pri kelkaj nacioj ni ĝis nun ne sciiĝis, ĉu en ili la propagando por la Interpopola Ligo ekzistas kaj progresas. Pro tio - ni ripetas— oni fondu ĉie naciajn Esperantistajn anarojn de l' Interpopola Ligo, kiuj klopodu pri internaciaj interrilatoj. Oni skriku al la referatulo de nia komitato (Vice-Poŝtdirektoro O. Rieck, en Greifswald) tuj, kiam oni fondis komitaton en iu ajn nacio, por ke li povu raporti pri la kongresoj en la gazeto de nia U. E. A. «Esperanto» en Bern kaj en la gazeto «Unuigita Tuthomaro». Al ĉiu alia redakcio, kiu volas ricevi tiun raporton, ni sendos ĝin tre volonte.Espereble dum la kongresoj povos okazi kunvenoj de la naciaj Esperantaj Komitatoj de l' Interpo-

pola Ligo, kiun partoprenu almenaŭ unu samideano el ĉiu nacia komitato.

Se nia majstro, D-ro Zamenhof, ankoraŭ vivus, li certe fariĝus la «centro» de Tutmonda Anaro de l' Interpopola Ligo—ni agu, ni laboru serioze laŭ liaj intencoj kaj daŭrigu lian laboron! Ni pripensu la vortojn de nia himno, ŝanĝante ilin nur rilate al unu litero:

Sub la sankta signo de l' espero Kolektiĝu pacaj batalantoj!

La Esperanta Komitato de la Germana Anaro de l' Interpopola Ligo (Deutsche Liga für Volkerbund):

Prof. P. Chistaller, Stuttgart.
Prof. D ro J. Dietterle, Leipzig.
A. Junker, Koln.
Vice-Poŝtdirektoro O. Rieck. Greifswald.
Sekreta Konsilanto Prof. D-ro A. Schmidt, Potsdam Berlin.
Bankdirektoro D-ro Vogt. Augsburg.

---

# TRINIDAD SORIANO

Du jaroj jam pasis de kiam forlasis nin por ĉiam ĉi tiu grandanimulo, unu el plej viglaj, entuziasmaj, fervoraj, kaj sindonemaj hispanaj pioniroj de Esperanto. Mi preparis verketon mian por ĝin eldoni, kaj ĝin mi dediĉas al li, sed mi ne volas prokrasti la dediĉon kaj mi min decidas aperigi ĝin je lia memoro nun, kiam disciploj liaj laboradas entuziasme por reorganizi la Andaluzian Federacion, kiu ĉie forte ĝermas.

Jen la dediĉo:

Ligis nin ideo,
ligis nin la sento;
iris ni al gento,
sur mem la ŝoseo.

Estis vi la sperto
pro la via aĝo;
estis mi kuraĝo
por triumfa certo.

Kune ni laboris
pleninterkonsente,
ĉiam diligente:
Esperanto floris.

Ho, ve! Horo venis...
Vidis vi la Morton;
venki ĝian forton
vane vi jam penis.

Sola jam mi restas!
Multe mi vin ploras,
tamen mi laboras,
malgraŭ vi forestas...

Restas, ĉe la koro,
pri vi dum la vivo,
vigla la motivo,
dolĉa rememoro,

kiu ja min gvidas
ĉiam al la CELO,
dum vi en ĉielo
jam eterne sidas.

Tial por la koro
estas ja feliĉo
tiu ĉi dediĉo
spite de doloro.

Andaluziaj samideanoj! honoru la mortinton kaj restarigu firme kaj potence lian fonditaĵon, ĉar nur vi bezonas iom da volo, tial ke li abunde semis kaj la semo jam sufiĉe ĝermis.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

La Delegito de UEA en Baol Reichenhall (Germanlando), S-ro Fritz Mayerhaŭser, liveras tre malmultekoste belegan afiŝeton Esperantan el aluminio por ilin meti sur la pordoj de loĝejoj, vendejoj k. t. p. La afiŝeto estas 90[50 mm.. portante la verdan stelon kun vorto «Esperanto»; sur la suba parto «Membro de UEA», «Esperanto parolata!» k. c. Petu la anoncon.

# KIO ESTAS TEOZOFIO?

Laŭ la klera hispano Roso de Luna, fama verkisto kaj eminenta spertulo kaj astronomiisto elkovrinta antaŭ malmulte da tempo stelon, «Teozofio signifas *Dia Scio*», sed Teozofio ankaŭ estas filozofio, religio kaj scienco; tamen, kvankam multaj opinias male, ĝi estas la veraro, kiu estas komuna al ĉiuj religioj. Aliĝo senkondiĉa, tutkora al la Vero, estas ĝia kredo; honori ĉian Veron per propraj agoj estas ĝia rito.

«Firmaj sentoj de reciproka respekto kaj tre larĝa toleremo kaj samtempe la sola aspiro, kunigas la membrojn de la Teozofia Societo: *la elserĉado de la Vero, kie ajn, estas tiu sola aspiro.* Studi, elserĉi, zorge ekzameni, labori senlace por alveni al la glora vizio, t. e., al la klara kaj rekta percepto de la Vero, estas la konstanta celo de la Teozofo. Tial, jen la devizo de la Teozofia Societo: NE ESTAS PLI ALTA RELIGIO OL LA VERO (*Satyat nasti paro dharmah*). La Teozofio diras, ke tial ke la Vero ne povas esti kontraŭ la Vero mem, la vera Scienco ne povas esti antagonista kaj nekunigebla kun la vera Religio; male inter ili ekzistas la plej perfekta harmonio.

»Helpi la elserĉadon de la Vero, doni al la mondo novajn superegajn instruojn, naski en la mensoj ideojn pri homameco, sindonemo, abnegacio kaj spiriton pri memoferemo; fini fanatikajn netoleremojn kaj sovaĝajn antagonismojn, miljarajn malamojn de rasoj, gentoj, kastoj kaj nacieco, kiuj maldolĉigas la vivon, kiuj terurigas la vivon, kondukante la homojn al fratmortigado ofta; firmigi la homaron sur firma bazo de paco kaj frata amo; akceli la homan evolucion, plialtigante lian moralan kaj intelektan nivelon; nobligi la Homaron disvolvante ĝiajn plej noblajn kapablojn, ĝis plej alta grado ebla, tro plej supera je la nune atingita; unuvorte, fari la homon superhomo, kvazaŭ dihomo aŭ mezdia estajo, estas la celoj de la Teozofia Societo, fondita en Novjorko la 17.an de novembro de 1875 de la respekteginda S-ino H. P. Blavatsky kaj kolonelo H. S. Olcott, kies nuna prezidanto estas S-ino Annie Besant, kiu loĝas en Adyar (Madras), Hindujo, kie estas la centra sidejo, la ĉefa sidejo de la Societo, kiu elradiiĝis, kiel forta sukoplena arbo, siajn branĉojn ĉien tre rapide.

»Sinteze la Teozofia Societo celas: 1.e Unuigi la homojn en tuta rondo frata spite de rasoj, de kredoj, de seksoj, de klasoj kaj de koloroj. 2.e Disvastigi kaj pli gravigi komparantan studon pri religioj, pri literaturoj kaj pri sciencoj de la *arioj* kaj de aliaj orientaj popoloj. 3.e Elserĉadi la neklarigitajn leĝojn de la Naturo kaj la psikajn fortojn kaŝitajn en la homa korpo. (Nur parto el la membroj de la Societo sin dediĉas al ĉi tiu tria celo.) Aliĝo al principo pri ĉi tiuj celoj estas nepra por esti akceptata de la Societo. Al neniu el la aspirantoj oni demandas pri liaj opinioj religiaj kaj politikaj; sed, male, oni postulas al ĉiuj antaŭ la akcepto formalan nepre plenumotan promeson respekti la kredojn de la ceteraj membroj.»

La Teozofio estas *Scienco - Religio - Arto* celante: la spiritan alproksimiĝon, la unuiĝon, de la homoj, por kio estas necesa zorge elserĉadi studadi, kritikadi kaj konsciadi pri la historio homa, pri la homa disvolviĝado kaj progreso; la elkaŝadon de la nekonataj leĝoj de la Naturo kaj de la homaj kapabloj ankaŭ nekonataj, kiujn posedas la homo.

---

GVIDLIBRETO DE ANTVERPENO

Sendu simplan internacian respond-poŝtkarton al S-ro Frans Schoofs, del UEA, 45 Kleine Beerstraat, Antwerpen (Belgujo), por tuj ricevi belan ilustritan 32 paĝan broŝuron pri la urbo Antwerpen, sidejo de nia VII-a Kongreso Internacia (1911).



KAPELO KAJ RESTORACIO DE SANKTA JOHANO

# NIAJ BILDOJ

Montserrat estas fama montareto, suden de Manresa, kies formo estas tiel speciala, ke nur estas alia simila en la mondo, tiu de insulo el la Antiljoj, insulo alnomita Montserrat pro tio. Ĝia plej alta pinto estas 1236 m.

Ĝin formas krutegaj kaj konusformaj rokoj ĉirkaŭen prezentante iujn mallarĝajn kaj malfacilajn enirojn. Suben, la deklivoj estas kulturitaj, la vinberejoj kaj cerealejoj okupas ilin, kun kvazaŭ rokaj stupoj iom pli supren; en la meza parto kreskas abundaj foliplenaj arboj, arbetoj, kaj plantoj; ju pli oni supreniras des malpli da kreskajoj, kaj ĉe la supro nur estas altaj rokoj kvazaŭ kolonoj formante piramidojn kaj prezentante kapricajn formojn eĉ 150 piedojn altaj.

La bazo de Montserrat konsistas el konglomeratoj, kiujn formis argiloj kaj kalkaj sabloj. La konglomeratoj estas ĝenerale grizaj; ceteraj rokoj, ruĝaj; tamen oni povas rimarki iujn frangojn blanketajn. La konglomeratoj estas pli kompaktaj supren. La monto preskaŭ estas izolita, nur kuniĝas al la montaroj Odena kaj Rubio ĉe *Casa Massana.*

Ĉe la supro, oni povas rimarki nombrajn putojn naturajn (*ponetóns* katalune); ĉe la subo, grotojn, kiujn oni povas viziti enirante de la okcidenta krutaĵo. La buŝo de la grotoj estas ĉe la S. O. de la montareto, super la vilaĝon Collbato (Koljbato). La grotoj ne estas tute esploritaj, ili konsistas el

labirinto, ĉu ĉi tie kvazaŭ vastaj subteraj ĉambroj, ĉu tie laŭ mallarĝaj galerioj, putoj, fendegoj kaj truoj: ĉe la unua ĉambrego staras ŝtonegoj, kolonoj kaj piramidoj konfuzamase; dekstren malfermiĝas galerio kun stalaktitoj, kvankam ne nombraj; maldekstren, tra mallarĝa irejo oni alvenas al groto vasta kun kupolo de kiu pendas dikaj stalaktitoj nombraj kaj kvazaŭ piramidoj inverse metitaj, en la fundo de ĉi tiu ĉambro estas fendego profunda je 20 m. proksimume. Malsuprenirante tra la fendego, kaj trairante sekvan mallarĝan trairejon, aliras la vizitanto al ĉambro duoncirkla kun la muroj kaj arkaĵo kovritaj de nombraj stalaktitoj kvazaŭ plafono kurba kaj bele ĉizita. De ĉi tiu groto oni aliras al alia, kiu ŝajnas klaŭstro de monaĥejo pro siaj altaj kolonoj; ĝia arkaĵo estas interrompita, kvazaŭ tranĉita nordorienten, kaj funden oni vidas alian groton, eble ĉi tiu estas la plej bela pro siaj nombregaj stalaktitoj. Alia groto proksima entenas grandan ŝtonon, kiun oni nomas «elefanto» pro ĝia formo, ĉe la centro; ankaŭ ĉi tiu groto montras al vizitanto ogivan arkon belegan kvazaŭ farita de arta genio. De tie ĉi, malsuprenirante tra la «Buŝo de la Infero» kaj tra zigzaga galerio, la vizitanto alvenas al groto en kiu ŝtonaj masoj ĉe la interlumombro aperas kvazaŭ personoj envolvitaj de ampleksaj manteloj. Sekvas aliaj ses grotoj negravaj rifuĝejoj de nombraj vespertoj, kaj poste suprenirante amason da ŝtonoj oni alvenas al lasta groto, ronda je 6 m., eksterordinare alta: faskoj el kolonoj, kolonaroj, graciaj arkoj, belegaj pendantaĵoj kaj filigrano el delikataj longaj pikiloj, ornamas ĉi tiun kreitaĵon de la naturo, kaj ĝi estas kvazaŭ grandioza absido de gotika templo.

*(Daŭrigota)*

RIMARKO Profitu la venontan X.an Kongreson de Kataluna Esperantista Federacio por viziti la faman montareton, ĉar Manresa estas la kongresurbo apud la montareto, kaj estos fervojrabato.

## Ho, timiga estonteco!

Forkuris jam maljuniĝinta jaro.
Ĉu ĝi donis feliĉon al Homaro?
Ĉu ĝi malfeliĉigis nian Mondon?
Mi ne deziras koni la respondon.

Ĵus alvenis al ni jaro l' alia
gaja kvazaŭ infano simpatia,
gaja kvazaŭ infan' dolĉe kormola,
afabla, kompatema kaj bonvola.

Ankaŭ ĝi maturiĝos kaj la tagoj
instruos ĝin pri la malbonaj agoj;
ankaŭ al ĝi la maljunec' alvenos,
kaj ankaŭ multaj homoj ĝin malbenos.

Sed ĉu ne estos plu amo kaj fido,
sano, riĉeco kaj gajec' kaj rido?
Jes sed regos samtempe la doloro,
la malriĉeco, malgajec' kaj ploro

kaj larmoj, sangverŝado kaj korpremo,
ofendoj, batalad', krio kaj ĝemo!
Tiu ĉi jar', ĉu estos pli kruela?
Ĉu estos kontraŭ ni la vol' ĉiela?

Ha! mi ne volas nun esti profeto,
sed al ĉiel' rapidu mia peto
kaj ĝin akceptu l' indulgemo dia...
Dio vin savu, Patrolando mia!

*Rafael de San Millán*

---

BRITA KONGRESO

La Ĉiujara Kongreso de Britaj Esperantistoj okazos en Londono (por la unua fojo) je Pentekosto 1922. La Organiza Komitato atendas grandan sukceson, kaj pretiĝas por la gastigo de almenaŭ mil kongresanoj. Oni ankaŭ esperas, ke multaj samideanoj venos el aliaj landoj por partopreni la feston, kiu okupos kvar tagojn (de la 2.a ĝis la 6.a de Junio) kaj estos la plej granda kaj grava nacia kongreso de Esperantistoj ĝis nun okazinta en Britujo.



ROKO NOMATA «FRIGIA ĈAPO»

# INTERNACIA ANTAŬKONGRESO
## EN LÜBECK
### 1922

Okaze de la XIV Internacia Kongreso en Helsinki, la Lubeckaj Esperantistoj intencas aranĝi antaŭkongreson. Rigardu la landkarton kaj vi rimarkos, ke por la kongresanoj el la okcidenta kaj meza Eŭropo la plej oportuna vojo al Finnlando kondukas tra Lubeck. Tial ŝajnas konvena, en Lübeck interrompi la vojaĝon dum du tagoj kaj rigardi la multajn antikvajn vidindaĵojn de la famekonata Hanse-urbo. Sub la kondiĉo, ke sufiĉe da partoprenantoj anoncos sin, estos aranĝota karavano de Lübeck al Helsinki, tien kaj reen, per speciala vaporŝipo. Tiu aranĝo celas malkarigi la vojaĝkostojn, por ebligi ankaŭ al neriĉaj samideanoj la ĉeeston en la kongreso. La vaporŝipo estos luata dum la tuta daŭro de la tien kaj reenvojaĝo kaj dum la Kongreso en Helsinki, kie ĝi samtempe fariĝas la hotelo de la partoprenantoj. Pri la kondiĉoj kaj prezoj en venontaj komunikoj.

La provizora programo estas

Lundon, 31.an VII vespere kaj Mardon 1.an VIII, antaŭtagmeze, akcepto de la kongresanoj; tagmeze, salutkunveno; posttagmeze, rondirado tra la urbo; vespere, solena kunveno kun publika parolado.

Merkredon: antaŭtagmeze, daŭrigo de la rondirado tra la urbo; posttagmeze, ekskurso en la ĉirkaŭaĵon de Lübeck; vespere, so-

mera dancado en la arbaro kaj fino de la antaŭkongreso. Ĵaŭdon frumatene, forveturo de la vaporŝipo al Helsinki.

Kotizo por la antaŭkongreso por la Hispanoj *sep* pesetojn.

Pro la luo de la vaporŝipo estas necese, kiel ekle plej baldaŭ sciiĝi pri la nombro de la kunvojaĝontoj. La kongresanoj, kiuj volas uzi la Lubeckan entreprenon bonvolu sendi siajn adresojn al Heinrich Selmer, Lubeka Esperanto-Societo (Germanujo).

## LA TEMPO

La tempo, laŭ angla proverbo, estas mono. Ne malŝparu ĝin kaj vi ĉiam havos sufiĉe.

Malprofitigo de la tempo al iu estas ŝtelo de parto el lia mono. Malprofitigo al mallaboremulo estas ŝtelo al malavarulo.

Ni atendigu neniun, por ke li ne uzu pli da tempo ol la necesa, kaj se estas nepra la atendigo, ni havigu al li gazetojn, broŝurojn por ke li povu profiti la tempon dum la atendo. Kaj se tiaj broŝuroj estas esperantaj, des plibone. Ni devas kunporti en niaj poŝoj ion farotan, por tion fari dum la neantaŭsciitaj atendoj.

La tempo ne estas pruntebla nek ŝparebla kiel la mono, domaĝe por la avaruloj kaj la procentistoj. Kiam tago komenciĝas, ĉiu el ni havas la saman kvanton da tampo: dudekkvar horojn, kaj laŭ ĝi ni devas fari nian budĝeton tempan. Se oni povus fari la samon kun la mono, la socia batalo ne estus tiel terura.

*Fernando Redondo*

# BIBLIOGRAFIO

**Jan Amos Komensky** originale boheme verkita de Prof. D-ro Jan Novak, kaj eldonita kaj tradukita de «Rondeto de Esperantistinoj en Praha, 10 × 16 cm., 27 paĝa. Unu avice aperas la portreto de la fama pedagogo kaj filozofo. Tre prava estas D-ro Stan Kamaryt per sia belega antaŭparolo al la libreto pritraktanta la vivon kaj laboron de la eminenta Ĉeĥoslovako, kiun samnacianoj konsideras unu el tri kondukantoj aŭ gvidantoj de Ĉeĥoslovaklando; vi konservu tian «fleron», ĉar ĉefa religio de popolo devas esti rememoro pri ĝiaj grandanimuloj, pri ĝiaj saĝuloj, pri la homoj, kiuj brilas en la nacia historia per propra lumo kvazaŭ nordaj steloj gvidantaj; kulto konstanta al ili por sekvi la vojon, kiun ili montris, estas iri rekte al sukceso, al nacia progreso kaj feliĉo. La broŝuro estas rimarkinda de ĉiuj vidpunktoj. La «Rondeto de Esperantistinoj» diras: *Jan Amos Komensky, instruisto de la nacioj, fondinto de la novoepoka instruado,* kaj ĉi tion mi ne cenzuras, mi eĉ aplaŭdas, kvankam la entuziasmo kaj fiero de la «Rondeto» ne estu prava, ĉar je la XIII.ª jarcento vivis la mistikulo de *Palma de Mallorca* (Hispanlando), *Raimundo Lulio,* kiu estis sciencisto, ĥemiisto, filozofo kaj pedagogo, kiu lasis al la mondo nombrajn verkojn datumitajn en *Parizo* kaj *Montpellier,* en kies Universitatoj li estis profesoro. Li estis pli bona pedagogo ol *Rousseau,* kaj praulo de li, de *Rabelais* kaj de *Montaigne.* Li proklamis edukadon saman por ĉiuj sen diferenco pro rangoj kaj klasoj; li estis amiko de la popolo kaj li diris: «La Naturo perdas per la riĉaj infanoj, kaj gajnas per la malriĉaj; la riĉuloj, ne devigante siajn filojn fari ion kaj edukante ilin en senokupeco, agas por ke iliaj filoj ne sciu *rememori, kompreni* kaj *voli.*» Li estis vera revoluciemulo pri la edukado.



**Unua Kajero,** aŭstria kolekto de legindaj rakontetoj fabloj, k. t. p., eldonita de «Nova Tempo» (Mollardgasse nr. 55, Wien, VI. Aŭstrio), 12 × 18 1/2 cm., 32. paĝa. La libreto estas leginda, ĉar zorge oni elektis la tekston; la stilo estas bona same, kiel la presado. Prezo: 30 aŭst. kr., 3 germ. mk., 0,30 svis. fr.





LA KAPO DE LA MORTINTO

**La Vendreda Klubo** estas tre bona libro 15 × 23 cm., 115 paĝa, kies literatura teksto estas tre rimarkinda, kiu faras la verkon serioza, grava kaj aĉetinda, kaj kiu konsistas el 11 diversaj tre interesaj artikoloj verkitaj de la «vendredo klubanoj», kolektitaj de Prof· D-ro Dieterte, Direktoro de la Saksa Esperanto-Instituto. La libro estis eldonita de Ferdinand Hir & Sohn en Leipzig (1921), kaj aplaŭdinde estas ke eldonejoj sin decidu por seriozaj verkoj. Ni rekomendas al samideanoj aĉeti la verkon.



**Esperantísta Dokumentaro** estas libro per kiu Esperantistoj konatiĝos, kun ĉio pri la XII U. K. de la Hago. Ĝin eldonis Esperantista Centra Oficejo; prezo 3 fr. francajn; 15 1|2 × 24 cm., 112 paĝa. Ĉi tiu libro (kajero tridek-unua) devas aperi ĉe la libraro de ĉiu Esperantisto ĉar per ĝi oni scias pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj, kaj statistikaj aferoj: mendu ĝin al E. C. O., rue de Clichy, 51. Parizo.



**Internacia Legolibro**, I.ª parto por komencantoj, kun multaj bildoj kaj muziknotoj, kolektita kaj prilaborita tre zorgeme de Paul Bennemann, Instruisto, Ekzamena komisaro ĉe la Saksa Esperanto - Instituto - Leipzig, kaj eldonita de Ferdinand Hir & Sohn—Leipzig. La verko enhavas bonegan tekston pri proverboj, aforismoj, sentencoj, fabloj, rakontoj, sciencajoj, aferoj el la ordinara vivo, ŝercoj, amuzajoj kaj kantoj.

Prezo: 10 mk.; 14 1|2 × 22 cm.; 96 paĝa kun bona papero kaj kartonita.



**Cours Rationel et Complet d' Esperanto,** eldonita de la Federation Esperantiste Revolutionaire (23 bis, rue Morére - Paris XIVe ) 13 × 20 cm.; prezo: 5 fr. 50 afrankite; 208 paĝa.

La verko komenciĝas per rimarkinda antaŭparolo de la fama franca verkisto Henri Barbusse kaj finiĝas per vortaro Esp.-Franca kaj Franca-Esp. entenanta la vortojn kiuj estas plej oftaj por faciligi la laboron de la komencantoj. Post la antaŭparolo saĝe aperas iom da historio pri Esperanto. La verko forkuras el peza gramatiko kaj nur je la komenco klarigas tion nur necesa, sekvas preparanta leciono pri prononcado kaj akcento (alfabeto) eĉ pri versoj, la dektri unuaj lecionoj klarigas la lingvon perfekte kun helpo de bildoj; la dekkvara kaj dekvina lecionoj pritraktas la *neŝanĝeblan fundamenton;* poste venas kompletiga leciono pri la strukturo de Esperanto. La teksto havas kompletigan parton konsistantan el dekdu ĉapitroj, kaj je la fino aperas la muzikaĵo kaj versaĵo pri La Internacio.

La verko estas rimarkinda kaj mi konsilas al tiuj, kiuj iomete konas francan lingvon, ke ili aĉetu la verkon per kiu Ili perfekte lernos samtempe francan kaj esperantan lingvon. La laboro farita de la Fédération Esperantiste Révolutionnaire estas gravega kaj laŭdinda.



**La Lastaj Tagoj de D-ro L. L. Zamenhof kaj la Fúnebra Ceremonio,** eldonita de Adolfo Oberrotman kaj Teo Yung, 13 × 17 cm., 47 paĝa, kun nombraj bildoj. La libron dediĉis la eldonantoj al S-ino Klara Zamenhof, kaj ĝi konsistas el «Enkonkuko» de la Eldonantoj; versaĵo de la Majstro «Ho, mia kor'...»; «Enterigo de la Majstro», versaĵo de Leo Belmont; «La lastaj tagoj de la Majstro», artikolo de E. B. Wüster; «La Majstro mortis», versaĵo de Julio Baghy; «Je memoro de nia Majstro», versaĵo de Feliks Hiller, kaj «Alvoko al tutmonda monkolekto por monumento al D-ro L. L. Zamenhoj.

Ĉi tiun verkon, lukse eldonita, devas aĉeti ĉiu esperantisto, ĉar kun ĝi ĉiu posedos bonan portreton de la Majstro, bildojn pri la funebra procesio, pri la ceremonio kaj bildojn de la tombo.

Ĉiu sin turnu al la eldonejo de «Esperanto Triumfonta» Kolonjo-Horrem-Germanlando, kaj petu specimenon tuj, ĉar se ne, interesato ne ĝin havos.

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Madrid.**—Pastro Mariano Mojado sukcese propagandas Esperanton, kies frukto estas Esperanta Grupo de la Centra Normala Lernejo por Instruistoj (Strato San Bernardo, 80) kaj Skolta Madrida Grupo (Str. Martínez Campos, 26). Li tuj ekzamenos siajn lernantojn de la Normala Lernejo kaj disdonos diplomojn; krom tio li atingis de la Centra Universitato, ke la kunveno de profesoroj akceptu starigon de libera katedro de Esperanto kaj nun la Rektoro decidos, sed certe estos ke la Rektoro decidos favore pro la informo de la profesoraro. Plie li laboras por starigi kurson en la Instituto «Kardinalo Cisneros».

La profesoraro de la Centra Normala Lernejo sin turnis al la Ligo de Nacioj petante enkondukon de Esperanto en la publikaj lernejoj kaj S-ro Mojado ricevis respondon de la Ligo pri ricevo de la peto. Ĉiuj Grupoj, Societoj kaj Federacioj faru same por pruvi vivon de Esperanto en la lando.



**Baracaldo (Bilbao).**—La 15.an oni festis solene la datrevenon de la Majstro. Oni kantis La Esperon kaj kantojn de Grabowski kaj S-ro Felikso Díez parolis esperante-his-

pane pri Zamenhof kun sukceso, kiun premiis la samideanaro por aplaŭdoj oftaj. Ĉi tiea Grupo ageme laboras.



**Bilbao.**—Ĉiuj ĉi tieaj grupoj varme laboras kaj la renaskiĝo de Esperanto estas forta. S-ro Felikso Díez ĉiusemajne aperigas unu-du artikolojn pri Esperanto en la plej legata ĵurnalo de la provinco, en «La Gaceta del Norte».

Okaze de vizito de angla kaj holandaj samideanoj estis iuj kunvenoj ;propagandaj; la fremdaj samideanoj parolis Esperante kaj S-roj Allende kaj Díez tradukis la paroladojn. La impreso estis granda.

Niaj du holandaj amikoj, kiujn ni konis okaze de la Kongresoj de Dresdeno kaj Praha, estas ambaŭ de tre eksterordinara alteco 1,95 cmtro, unu, kaj nur malmultajn centimentrojn malpli la alia. Ambaŭ tre altiris atenton de la loĝantaro tial, kaj tio ankaŭ iom helpis nian aferon, ĉar ĉiuj rekonis ilin laŭ ĵurnalaj sciigoj, kiel la du holandaj esperantistoj, kiuj trairas la mondon biciklede.

La bilbaoaj kaj barakaldaj geesperantistoj alifoje montris en ĉi tiu okazo, gastemecon al fremdaj samideanoj nin vizitantaj.

Baldaŭ feliĉe ni la bilbaoaj esperantistoj havos de nove ejon por nia grupo, malgraŭ la tre malfavoraj 'cirkontancaj, kiel estas ĉi tiu serioza problemo en nia urbo.

Dum la jaroj de milito kaj sekvantaj ĝis nun, ni estis disigitaj malebligante disvolviĝo de nia propagando, ĉar tre malofte ni kunvenadis.

Feliĉe ĉi tiu stato sanĝiĝos tre baldaŭ kaj denove en la koroj de la esperantistoj ĉi tieaj, ekflamos la lumo por Esperanto kaj ree tre viglan propagandon ni faros.



**Palma de Mallorca.**—La nova komitato por ĉi tiea Grupo konsistas el S-roj: Gabriel Alomar, Prez.; Juan Mascaró, Vicp.; Juan Barceló, Sekr.; Juan Sancho, Vics.; Miguel Ribas de Pina, Kas.; Agustín Fran, Bibl.; Francisco Molinos, Bernardo Rabassa kaj Juan Aguiló, Voĉdon. Ankaŭ oni elektis Delegito S-ron Juan Barceló kaj Vicdelegito S-ron Miguel Ribas de Pina. Kursoj bone funkciadas.



**Santander.**- Okaze de vizito, je la fino de Novembro, de S-roj C. Senbring kaj R. Stoeltje, holandaj samideanoj el Haarlem, kiuj vojaĝas tra la mondo per kaj pro Esperanto, oni faris ĉi tie bonan propagandon, montrante al skeptikuloj utilecon de nia lingvo; samtempe la ĉi tieaj samideanoj povis konstati unuan fojon kiel Esperanto efike taŭgas kiel interkomprenilo, kaj ĉi tio estis kuraĝo al ili. Sindoneme la Grupa gastigis ilin kaj donis al ili 50 pesetojn por helpi ilian vojaĝon.

La grupo vigle agas laŭ eblo; baldaŭ oni malfermos kurson en lernejo, por kio ĝi havas sufiĉe da materialo, kaj tiuj sin turnos al la Ligo de Nacioj per dokumento subskribita de gravaj personoj, kiujn la humilaj grupanoj interesis pri Esperanto.



**Villanueva de las Minas (Sevilla).**—Sinjoro A. Marmol daŭrigas sian laboron, kaj la grupo kreskadas. Li klarigas kurson nuntempe.



**Jerez (Cádiz).**—La Grupo vigle daŭrigas sian laboron, okazigante interesajn festojn kiuj allogas la publikon. La prezidanto, S-ro Petro Naranjo, kun S-ro R. Marauri kaj aliaj samideanoj de Andaluzio, reorganizas la Andaluzian Federacion. La Grupo elektis la jenan Komitaton: S-ron Petro Naranjo, Prez.; S-ron Juan Mariscal, Sekr.; S-ron Rafal Serrano, Kas.; S-ron Manuel Puyol, Kashelp.; S-ro Juan Rodríguez, Bibliot.; F-ĭuon Jozefino Marin Vera kaj S-ron Antonio del Pino, Gevoĉd.

La 18.an de decembro jus pasinta, la Grupo solene festis ia trian datrevenon de sia fondiĝo: artaj girlandoj ornamis la salonon. Post interesaj paroloj de la prezidanto al la multenombra ĉeestantaro pri la malfacilaĵoj trovitaj de la Grupo iom post iom venkitaj de la obstina esperantismo de la unuaj pioniroj, pri la neceso nepra al sola internacia helpa lingvo, dankante la gazetaron, la ĉeestantojn kaj speciale S-ron Marauri, kiu portis al Jereza Grupo la koran saluton fratan de tiu de Huesca, areto el profesoroj de la Jereza orfeono aŭdigis belan marŝon. Sekve oni legis diversajn origiginalajn verketojn el iuj gegrupanoj, elmontrante tiel, kiel la Grupo vigle ludadas kulturan rolon pere de Esperanto altigante idealojn, ĉar idealo estas plej supera motora forto; honorante la virinon, ĉar la virino estas la sintezo de la plej grandaj amoj, kaj amo alportas paco kaj feliĉo. S-ro Marauri elokvente parolis instigite de S ro Valle, salutante la ĉeestantaron, pridirante siajn spertojn pri Esperanto tra nacioj kaj konkludante, ke Esperanto triumfas, ĉar estas idealo de paco kaj virto en kies vicoj okupas la virino unuan lokon, kaj ke idealo kalkulante la virinon nepre triumfas. S-ro Alberto Camba esprimis kun elokventeco sincera sian simpation kaj sindonemon al la Grupo kaj kantas anstataŭ paroli pri la instruitulino kaj sekve legas belan romancon sian «Ho, tempoj tiuj!», kiun li dediĉas al la Grupo. Fine, post mallongaj dankantaj paroloj de la prezidanto, oni honoris la virinojn per iuj donacitaĵoj. Ludantoj, legantoj kaj oratoroj aŭdis varmajn aplaŭdojn.

★

**Tarrasa (Barcelona).**—Kun plena sukceso komenciĝis la novaj kursoj en ĉi tiu urbeto, kiun ni ĝoje povas nomi jam Esperantujo. Pli ol 90 gelernantoj partoprenas la diversajn kursojn arangitajn de «Lumon»: por fraŭlinoj, por infanoj kaj plenaĝuloj en la grupejo; en Centre de Dependents del Comerc i de la Industria; en respublikana societo Casa del Pueblo; en ĥora societo Juventud Tarrasense, kaj en La Llanterna. En privata hejmo «La Esperantista» ankaŭ oni instruas Esperanton. Do, *ok kursojn*, kiujn gvidas S-roj Solá, Marti, Ribas, Casanovas kaj Chaler, kiu estas nelacigebla, pri kiu oni aŭdas laŭdojn ĉies ĉar li gvidas kvar kursojn.

«Lumon» ĝojege akceptis la jenajn fremdajn samideanojn: S-ron Donés el Francujo, S-rojn G. Senbring kaj R. Stolltje. La du lastaj iras bicikle de nacio al nacio, propagandante Esperanton.

La kara amiko kaj pioniro S-ro Solá paroladis pri «La Sento de la vido».

La grupanoj de «Lumon» festis la paskon per intima lunĉo, kaj nun organizas solennan feston por inaŭguri la novan loĝejon Strato Mayor, 36.



**Vich (Barcelona).**—La aŭstriaj geinfanoj, kiujn gastigas ĉi tiu urbo dank' al la esperanta laboro de niaj samideanoj, organizis vesperfeston por montri sian dankemon. La festo okazis en vasta salono de nobela domo, kaj ĝin ĉeestis multnombroj distingindaj personoj, sed tial ke la sukceso estis eksterordinara, denove oni okazigis ĝin la 29.an de la pasinta decembro en la sama loko. Ĝin organizis ĉefe Elene Raschka, kiu eĉ verkis por ĝi komedieton «Kristnaska Festo»; ŝi instruis la geaktoretojn kaj ludis rolon majstre; ŝi ankaŭ gvidis la lernadon de aliaj partoj de la programo. Korekte deklamis kaj kantis katalune la aŭstriaj geinfanoj; bonege ludis ili la komedieton kaj la ĉeestantaro ilin premiis per konstantaj aplaŭdoj. S-ro Comella, kiu penadis por la gastigo, bele ilustris akvarele la programojn. Jen la povo de nia kara lingvo!



## EKSTERLANDA

La movado graviĝas pli kaj pli: en Anglujo la Kongreso de Britaj Esperantistoj okazos je Pentekosto en Londono kaj ĝi promesas gravan sukceson. En Ĉeĥoslovakio, la «Klubo de ĉeĥoslovakaj turistoj» (21 membroj) fondis Esperantan Fakon. En Brazilio, la registaro deklaris esti konsiderata kiel societo de publika utileco la «Brazila Ligo Esperantista». En Japanujo Esperanto antaŭeniras sukcese; la Laborista Kongreso Virina, en Genéve, akceptis Esperanton por la venonta Kongreso. La supera popollernejo en Nürnberg (Germanujo) akceptis Esperanton kiel solan fremdan lingvon, kaj ĉie iras antaŭen nia afero; La Finnlanda Parlamento ree donis 25.000 firmajn markojn al la Esperantista Societo de Finnlando; la rusa malnova Esperantisto, kiu je 1908 fariĝis idisto, revenis al Esperantismo kaj viglege relaboras pri Esperanto. La Liona Foiro metis je la dispono de Esperanto budon por ekspozicio Esperanta. En la libera Danzig Esperanto rapide antaŭeniras, kaj ĝia Danciga Esperanto Asocio estas imitinda pro sia agemeco. Ĉie la movado estas rimarginda kaj esperiga. En Francujo promesas gravan sukceson la Kongreso de Francaj esperantistoj, kiu okazos en Bezieres je Pentekosto.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid